




5/2006
Aŭgusto/Septembro

# Somera Festo en la kluba ĝardeno





Fotoj: *Sylwia Pöhlmann*

La 15an de Junio okazis nia Somera Festo. Ĉi-jare ĝi vere meritis tiun nomon, ĉar ni povis festi en la ĝardeno. Dum la pasintaj jaroj ofte pluvo devigis nin, festi en la salono. En agrabla rondo 14 Personoj babilis kaj ĝuis diversajn rostitajn viandaĵojn, salatojn kaj fruktojn. Bonŝance Hannelore Brunow estis kunportinta elektran rostokradon - neniu zorgis pri la sufiĉe frua bruligo de la karbo por rosti viandon. Vesna, Hannelore kaj Kerstin en la kuirejo apud la salatoj. Unue oni prenis teleron kaj salaton en la kuirejo kaj poste iris al la rostokrado en la ĝardeno, por ricevi kolbason aŭ ripaĵon, kiujn, laŭ la decido de la aliaj rostis Benno.
Ne tute komforte, sed kun multa plezuro, ni manĝis en la ĝardeno. La festo finiĝis frue, ĉar plej multaj devis frue ellitiĝi matene.
Fine restis nur Hannelore, Peggy kaj Kerstin por reordigi kaj lavi glasojn kaj telerojn.

**Editoraĵoj**
Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg
Tel/Faks: +49 40 250 30 65

Prezidanto: Jürgen Wulff

Redaktoro: Benno Klehr

Retpoŝto: Esperanto-Hamburg

Redaktofino de

n-ro 6/2006: 15-09-2006

**Sentenco**

Estas pli saĝe,
bruligi kandelon
ol plendi pri mallumo.

*el Ĉinio*

**Karaj legantoj,**
kelkfoje ankaŭ mi dubas pri la valoro de mia laboro por Esperanto. La "fina venko" ŝajnas ne atingebla. Almenaŭ en Hamburg la intereso pri nia afero ne estas vere granda. Tamen ni preparas Germanan Kongreson.
Tiam okazas alia kongreso en Hamburg kun 40.000 homoj. - kvardek mil! Tamen ni ne komparu nian movadon kun la Atestantoj de Jehovo. Nepre ne.
Kaj subite atingas min sciigo, ke la urbo Herzberg nun oficiale nomas sin "Esperanto-urbo". Kia grandioza sukceso; gratulon al la Herzberg-anoj!
Sed ĉio dependas de la aktualaj urbestro kaj magistrato; kion faros la sekvontaj? Ĉu post dudek jaroj daŭros tiu entuziasmo?
Do la laboro ne finiĝas post unuopaj atingoj, sed necesas daŭra plua investado de fortoj. Alia informo iom konsolis min: La Metra Sistemo estas evidente la plej racia - sed ankaŭ ĝi post pli ol cent jaroj ne jam atingis sian "finan venkon".
La "Novan Mondon" eĉ ne jam atingis la esploroj de *Darwin*.

| | |
|---|---|
| | Ĉu pliaj demandoj?<br>*Benno Klehr* |

---

**Nia programo**

| Aŭgusto | Septembro |
|---|---|
| **3** *Gerald kaj Mariko*<br>**Florenco**<br>kun bild-prezentado<br><br>**10** *Ralph Glomp:*<br>komuna kantado de<br>popolkantoj<br><br>**17 ni atendas s-inon**<br>**Hirai el Japanio**<br><br>**24** *Rudolf Haberland:*<br>**Proverboj en**<br>**Esperanto**<br><br>**31** *Benno Klehr:*<br>**Terura Enigmo** | **7 Publika prepar**<br>**kunveno por la**<br>**kongreso en 2007**<br><br>**14** *Jürgen Wulff:*<br>**Mondmapoj laŭ**<br>**novaj aspektoj**<br><br>**21** *Klaus Diekmann:*<br>**La diferencoj inter**<br>**Linux kaj Windows**<br><br>**28** *Sylwia Pöhlmann:*<br>**Polaj kutimoj**<br>**dum la jaro** |
| **Festival der Kulturen**<br><br>Vom 15.9.-17.9.06 findet wieder das Festival der Kulturen (früher Karneval der Kulturen) statt. Neben einem gro ▯n Straßenumzug am Samstag, Kunst-, Film- und Literaturveranstaltungen gibt es auf dem Unicampus einen Basar der Kulturen mit vielen internationalen Ständen und mehreren Musikbühnen. Mehr Infos finden sich unter http://www.kdkhh.de/website.php.<br>Dort wollen wir dieses Jahr zum ersten Mal mit einem Esperanto-Infostand teilnehmen. Der Stand ist am Freitag von 16-24 Uhr, am Samstag von 11-24 Uhr und am Sonntag von 11-20 Uhr zu besetzen. Wer mithelfen möchte, meldet sich bitte bei Jürgen Wulff oder Kerstin Baasch | |

---

**Herzberg, la Esperanto-urbo!**
Unika evento okazis por la Esperanto-movado: la urba konsilantaro de Herzberg (ĉiuj deputitoj de la 4 kvar partioj kun 3 sindetenoj) voĉdonis la 11an de julio: la nova oficiala nomo de la urbo fariĝas:
Herzberg am Harz, die Esperanto-Stadt/la Esperanto-urbo!
La urbo en ĉiu kampo fiere subtenas kaj laŭ sia kapablo antaŭenigas la uzadon de Esperanto por neŭtrala internacia interkompreniĝo, kaj planas uzi la lingvon por montri al la mondo siajn homajn, turistikajn, ktp. valorojn. Ekz-e Esperanto estas uzata por la ĝemelurbaj kontaktoj inter Herzberg kaj Góra (PL).

